# VALENCIA LUNO

Tria epoko – numero 1 – Januaro 2020

- ĜENERALA ASEMBLEO DE LA GRUPO KAJ NOVA ESTRARO
- ZAMENHOFA TAGO
- II MONDA LINGVO FESTIVALO

## RESUMO DE LA JARO 2019




BULTENO DE VALENCIA ESPERANTO-GRUPO

VALENCIA ESPERANTO-GRUPO
Av. Peris y Valero, 96, 3-a, pordo 5
46006 VALENCIA
Tel. 655 315 457

LUM-RADIO
Avda. Castilla, 25
46380 CHESTE (Valencia)

Redaktoro kaj kompostisto: Eduardo Alonso Navarro

Revizio: Elías Hernández Capdevila kaj Iván García

Rimarkoj pri la bulteno kaj kunlaboroj: valencialuno3@gmail.com

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

KOVRILO: Nia amata majstro
D-ro Ludwik Lejzer Zamenhof,
kreinto de nia mirinda lingvo.
Esperanto Museum.
Herrengasse 9
Palais Mollard,
Viena 1010, Austria



# ENHAVO

# SALUTON!

## SALUTO DE NIA NOVA PREZIDANTO



Karaj gesamideanoj:

Estas al mi plezuro daŭrigi la rolon de mia antaŭulo, sinjoro Pérez-Sempere, malgraŭ la malfacilaĵoj.

Novaj homoj kaj nova energio venis lastatempe al nia grupo.

Mi ĝojas adresi min al vi per la organo de nia asocio, kiu dum jaroj ne estis publikigita.

Inter niaj nunaj projektoj menciindas la fulmokursoj fare de nia superba instruisto Dennis. La kursoj venigis entute 40 homojn.

Li ankaŭ kondukas la instruan projekton "Esperanto-Plaĝo", kiu ofertas al eksterlandanoj intensajn du-monatojn e-kursojn ĉe apudplaĝaj luloĝejoj. Tiuj kursoj celas gastojn, kiuj adoras la plaĝon kaj la agrablan klimaton de nia regiono.

Ĉiun vendredon ni faras kunan legadon de la esperanta tradukaĵo de la fama hispanlingva verko "Don Kiĥoto". Tio instigas praktikan uzadon de la lingvo kaj helpas la komencantojn.

Ni lastatempe ankaŭ penas plibonigi nian sidejon, kiun ni ofertos sur Pasporta Servo.

Kalkulu je via gastigema esperanto-hejmo en la suna urbo Valencio, ni ĉiam havos varman teon pretan por vi!

Raúl Salinas

# ĜENERALA ASEMBLEO DE LA GRUPO KAJ NOVA ESTRARO

Pasintan sabaton, la 14an de decembro, okazis la Ordinara Ĝenerala Asembleo de la membroj de nia Grupo. Post la prezentado de la kasisto, de la bilanco 2019 kaj la buĝeto por 2020, kiuj estis aprobitaj, oni faris resumon de la agadoj dum 2019 kaj de la projektoj por 2020.

Poste la sekretario sciigis la ĉeestantojn pri la nedaŭrigadoj de la jenaj estraranoj:

- José Pérez Sempere (Prezidanto)
- Elías Hernández Capdevila (Vicprezidanto)
- Luis Salag Laguarda (Sekretario)
- Fernando Manzanera Mas (Kasisto)

Post tio, estis elektitaj por tiuj postenoj la jenaj personoj:

- Raúl Salinas Monteagudo (Prezidanto)
- Eduardo Alonso Navarro (Vicprezidanto)
- Carmen López Martínez (Sekretario)


Raúl Salinas


Eduardo Alonso



Carmen López

- Iván García (Kasisto)
- Luis Salag Laguarda (Voĉdonanto)
- Ismael Ejarque Doménech (Voĉdonanto)



Iván García



Luis Salag



Ismael Ejarque

Sekve la nuna estraro estas:

- Raúl Salinas Monteagudo (Prezidanto)
- Eduardo Alonso Navarro (Vicprezidanto)
- Carmen López Martínez (Sekretario)
- Iván García (Kasisto)
- Luis Salag Laguarda (Voĉdonanto)
- Ismael Ejarque Doménech (Voĉdonanto)
- Rosa Zanón Ferrando (Voĉdonanto)

Poste, pluraj plibonigoj estis proponitaj kaj la asembleo finiĝis.



Rosa Zanón

# ZAMENHOFA TAGO 2019

## 160-A DATREVENO DE LA NASKIĜO DE LA MAJSTRO

Post kiam la asembleo finiĝis, ni festenis alian jaron plu kaj memorigis la datrevenon de la naskiĝo de L. L. Zamenhof, kreinto de Esperanto.

Sabate, la 14an de decembro, je la dua posttagmeze, kiel tradicie, ni bankedis ĉe la "Restoracio Carmen" en amika kaj agrabla etoso. En ĉi tiu akto partoprenis, kiel antaŭaj jaroj, samideanoj de la grupo de Cheste.





Post malgranda kultura ekskurso, la membroj de la Cheste-grupo festis Zamenhof sabate, la 28-an de decembro, kun bongusta paellaĵo en la "Restoracio Zanón" kie partoprenis ankaŭ pluraj homoj de la Valencia grupo.



# II MONDA LINGVO FESTIVALO

Sabate, la 26an de oktobro, okazis la Dua Monda Lingvo-Festivalo (II FESTIVAL DE LAS LENGUAS DEL MUNDO) en la klasĉambroj de la Ĉestana Plenkreska Centro (Centro de Formación de Personas Adultas de Cheste), kie oni instruis kursetojn en 18 lingvoj inkluzive de Esperanto.




La Esperanto-grupoj de Cheste kaj Valencio kunlaboris por serĉi instruistojn kaj reklami la Festivalon, kun Dennis Keefe, la ĉefa inicianto de la evento, kiel estro de la organizado, kune kun Rosa Zanón, kaj kun la kunlaboro de la Departemento pri Edukado de Ĉeste. (Concejalía de Educación de Cheste).

# RESUMO DE LA JARO 2019

Krom la eventoj jam menciitaj, la sekvaj agadoj estis efektivigitaj:

* Dum du monatoj de la printempo, Dennis Keefe instruis sian intensan kurson "Esperanto Plaĝo" en Cullera.



* En majo Peris, Dennis kaj Jaume, kune kun tri lernantoj de la kurso "Esperanto Plaĝo", partoprenis la 78-an Hispanan Esperanto-Kongreson, en la urbo Malago, koincide de la Kongreso de Andaluzio kaj kun Internacia Kunveno de Esperantista Fervojista Asocio (71-a IFEF & 78-a Hispana & 21-a Andaluzia Esperanto-Kongresoj).



* La 28an de septembro, en Ĉeste, Rosa prezentis la Fest-Semajno pri La Vinber-Rikolto, kaj laŭ la matenaj valenciaj ĵurnaloj, multaj gravaj aŭtoritatuloj ĉeestis kaj aŭskultis Rosa-n dum la prelego, kio signifas egan triumfon kaj venkon por nia mirinda lingvo.

* Merkredon, la 27an de novembro, en la Kongresejo de la Instituto Universitario López Piñero - Palaco Cerveró, (Placo Cisneros, 4. 46003 Valencio) estis prezentita la libro de José Vicente Castillo, titolita "La trajnoj de espero. Solidarecaj esperantistoj: aŭstraj infanoj en la valencia regiono, 1920”

(Cheste, 2019).




Nuevo Curso de Inicio

Esperanto

Gratis



viernes,
8 de nov.
de 6 a 8

★ Gramática, Léxico, Literatura, Historia, Vida Internacional
★ ¿**DÓNDE**?: Russafa, associación Esperanto de Valencia, en Peris y Valero 96, pta 5
★ ¿**CUÁNDO**?: el 8 de noviembre, (entre las 6 y 8 de la tarde – con posibilidad de continuar con más estudios después).
★ ¿**PARA QUIÉN**? Todas las edades, profesores, estudiantes, jubilados, amantes de idiomas, políglotas
★ ¿**CÓMO CONTACTAR, RESERVAR**?:

656 841 843 (Elías)
684 160 856 (Luis)
653 80 65 76 (Rosa).

★ Puedes llamar o enviar un SMS con tu nombre:
*Curso Internacional Esperanto – Quiero probarlo, 2 horas, gratis.*

* Ĉiumonate Dennis Keefe instruis Komencajn Fulmo-Kursojn, ĉiam post algluado de multe da afiŝoj sur la strataj muroj, inter Dennis, Eduardo, Carmen, Elías kaj Jaŭ.

* Plurfoje okazis purigaj kunsidoj en nia sidejo (la jam famaj ***agotagoj***). Rosa Zanón (kun la plej elstara partopreno en la higieno de nia grupejo), Eduardo Alonso, Carmen López, Jaume Juan, Fernando Manzanera, Luis Salag, Dennis Keefe.

* Diversaj prezentoj estis verkitaj kaj montritaj de diversaj grupanoj: Ivan ("**ENKONDUKO PRI ĈIFROVALUTOJ**"), Elias ("***ĈU VI SCIAS KE***…?” kaj “***SCII KAJ GAJNI***"), Dennis ("***PROJEKTO ESPERANTO-PLAĜO***"), Ismael (***"GENETIKO KAJ KANCERO"***) kaj Vicent (“***LA INFLUO DE ŜAJNA MOVO DE LA SUNO / TAGA ASTRONOMIO”***) ĉefrolis en la plej memorindaj el ili. Elías ankaŭ estas nun pretiganta novan prezenton titolitan “***LA HIEROGLIFA SKRIBO EN LA ANTIKVA EGIPTIO***”, kiu preskaŭ tute certe aperos ĉe la kunveno dum la unua vendredo de la monato Februaro

* Ni ankaŭ havis la plezuron ricevi viziton de Filomena (Aŭroro) Canzano, itala esperantisto, kiu instruis Esperanton en Romo antaŭ kelkaj jaroj.

* Kaj, parolante pri vizitoj, en novembro oni vizitis Augusto-n Casquero-n, antaŭa kaj ĉiama ĉefa figuro de la esperantista movado. Jen fotaĵo pri tiu evento, kun Alicia (edzino de Aŭgusto), Araceli, Eduardo, Raúl, Elías, Rosa, Vicent kaj Dennis:



* Oni pretigas ankaŭ viziton al Johanno Antono, kiu, ankaŭ kiel Aŭgusto, ne tro bone fartas

* En decembro, Raúl kreis novan grupon en MeetUp, ***Esperanto, lengua internacional y neutral*** (***Esperanto, internacia kaj neŭtrala lingvo***). Ĝi estas speciala interreta grupo por renkontiĝoj en Esperantujo kaj por organizi kursojn.

* Pluraj aziaj esperantistoj (Li el Ĉinio, Vigla el Koreio kaj Arta el Japanio) estis akompanataj dum iliaj turismaj vizitoj, ĉefe de Carmen, Jaŭ, Luis kaj Elías. Oni vizitis la muzeon pri Belaj Artoj, la Katedralon, la Urbon pri la Artoj kaj la Sciencoj, … Jen fotaĵo kie ili aperas, ĝuante bonajn manĝaĵojn kun Iván, Carmen, Elías, Luis kaj Dennis.



Iomete poste, ankaŭ Rosa kaj Pepe partoprenis tiun eventon (ili ne povis ĉeesti ekde la komenco pro trajnaj problemoj dum sia vojaĝo de Ĉeste al Valencio).

* Dennis Keefe ankaŭ instruis en Ĉeste du kursojn: Ĉeste1 kaj Ĉeste2

# MESAĜO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## okaze de la Tago de Unuiĝintaj Nacioj, la 24an oktobro 2019

[laŭ ilia peto: *Kun afabla peto republikigi ĝin en viaj lokaj kaj landaj paperaj gazetoj kaj aperigi ĝin en viaj aliaj komunikiloj. Dankon!*]





Okaze de la Tago de Unuiĝintaj Nacioj 2019, la mondo frontas defiojn daŭre kreskantajn – ekde la klimata krizo ĝis la daŭra kaj eĉ intensiĝanta malpaco en multaj mondopartoj. Kaj Unuiĝintaj Nacioj mem estas minacata de financa krizo kaŭzita de la rezisto de multaj membraj ŝtatoj al ĝustatempa kaj plena pagado de siaj porcioj de la kostoj.

Se iam estis tempo kiam la popoloj de la tuta mondo alpaŝu Unuiĝintajn Naciojn por esprimi sian apogon, tiu tempo estas hodiaŭ.

Jam de la komenco de Unuiĝintaj Nacioj, nia Asocio, la Universala Esperanto-Asocio, ĉiam subtenis ĝiajn celojn kaj idealojn. Jam de la jaro 1954, do de 65 jaroj, nia Asocio ĝuas konsultajn rilatojn kun UNESKO; kaj jam de la jaro 1950 ni komencis dialogon kun Unuiĝintaj Nacioj kiu poste kondukis al formalaj rilatoj kun la Ekonomia kaj Socia Konsilio. Ni senlace laboras inter niaj membroj kaj la membroj senlace

laboras inter la publiko en pli ol cent landoj, por disvastigi informojn pri UN kaj trovi kampojn kie ni povas kune labori. La klopodo vivteni kaj funkciigi la sistemon de UN havas la saman idean bazon kiel nia klopodo disvastigi Esperanton, nome krei harmonian, pacan kaj egalecan rilaton inter ĉiuj homoj, de ĉiuj sociaj fonoj, cele al vera kaj kompleta interkompreniĝo.

Ni promesas, ke ni restos plene dediĉitaj al Unuiĝintaj Nacioj kaj daŭros aktive laboradi por konsciigi homojn pri la graveco de toleremo, diverseco kaj solidaro kiel vojoj por teni pacon kaj por kontribui al vere libera kaj emancipita socio, kie regu amikeco kaj respekto inter ĉiuj homoj kaj popoloj.

Ni taksas esenca la rilatadon de UN kun instancoj de la civila socio, ĉar grupoj de la civila socio kapablas rekte rilati kun homoj kaj tiel efektive disvastigi la valorojn de UN. Ni konscias, ke UN ne kapablas atingi siajn altajn celojn nek plenumi siajn specifajn programojn sen la aktiva kunlaboro de ni ĉiuj en spirito de egaleco kaj reciproka respekto.

En la jaro 2020, nia Universala Kongreso de Esperanto (Montrealo, Kanado, 1-8 aŭgusto) estos aparte dediĉita al festado de la 75-jara jubileo de Unuiĝintaj Nacioj. Ni alvokas al nia membraro kaj al ĉiuj Esperanto-asocioj kunlabori por ankoraŭ pli vaste informadi pri UN kaj ĝia graveco por la monda paco, kaj aliĝi al ĝiaj programoj kaj iniciatoj kiam kaj kie eble, ekzemple pere de naciaj UN-Asocioj. Ni petas, ke ili venu amase al Montrealo por kunfesti la atingojn de UN kaj ke jam nun ili disvastigu tiun ĉi mesaĝon en la propraj medioj kaj inter la publiko.

# LA PASINTECO

## LUNA SALUTO




«La "LUNO" ekaperas! Mi salutas per gajaj lunradioj ĉiujn tutmondajn esperantistojn; ĉefe, la valenciajn, kies ligilo mi celas esti. Mia saluto sin turnas ankaŭ al la poresperanta gazetaro, de la "ESPERO" de U.E.A., ĝis la laste aperinta, kaj tre speciale al "BOLETIN" de nia Federacio, al la informiloj de la Grupoj de Bilbao, Sabadell kaj Valladolid, kaj al tiu de la junulara sekcio H.E.J.S., kiuj, tiel modele konstruas esperantismon. Mi penos sekvi iliajn ekzemplojn kaj strebos por esti ligilo kaj neniel disigilo. Ĉiuj bonvolemaj esperantistoj helpu min, per sia kunlaborado, kio, certe, valorigos min.

La "LUNO" ne aperos regule. Mi malŝatas seriozecon, ĉefe pri akurateco. De tempo al tempo vi estos surprizitaj per subita ekbrilo, kiun mi esperas vi ŝatos. Ju pli grandan kunlaboradon mi ricevos, des pli ofta estos la lunbrilado, kiu celas heligi kaj, se eble, gajigi la esperantan mondon.»

Valencia Luno – Unua Epoko - N.º 1 – 1968

# NIA TITOLO

«Tial ke nia bulteno aperis unuafoje jam antaŭlonge, ni kredas oportune publikigi denove iom pri la signifo de nia titolo.

Valencia, nia bela kaj gaja urbo, restis enmurigita ĝis la dua triono de la pasinta jarcento (19a jarcento). Cele al la ampleksigo de la urbo oni detruis ĉiujn remparojn kaj belajn muregojn, escepte de la pordegojn Quart kaj Serrans, kies turoj ornamas la urban panoramon kaj oni fiere montras ilin al la vizitantoj.

Ĝis tiam, ĉiuj vojaĝintoj rapidis por alveni ĝustatempe dumvespere kaj eviti la noktofermon de la pordegoj. Malsanuloj devis resti ekstermure kaj "***Je la luno de Valencia***". Tiu fakto fariĝis komuna diraĵo en la tuta Hispanujo, kaj, tiel, ĝi estis, kaj estas, ankoraŭ, sinonimo de maltrafo de negoco aŭ  fiasko ĉe amaj aferoj.

Sed, ĉar ĉio estas korektebla en ĉi tiu mondo –escepte de la morto kaj eble de la kalveco- bonvolemaj (profitemaj) gastigistoj estabilis antaŭ la pordego ŝirmejon kies alloga kaj pendanta afiŝo tekstis jene: "Je la Luno de Valencia".

Tiel, tiu maltrafa kondiĉo fariĝis, ankaŭ, je sama nomo, sinonimo de ŝirmado, helpo kaj kora akcepto. Nia gazeteto, do, celas esti por vi ĉiuj, tio ĉi: akceptejo, ŝirmejo kaj plezurilo.

Bonvolu, do, akcepti ĝin kun malfermita koro, kaj, kompense, la "LUNO" -malicete- sendos al vi sian plej gajigan palpebrumon.»

Valencia Luno – Dua Epoko - N.º 1 – Majo 1982

# NIA KAPLINIO

«La bela, artisma desegno kiu ornamas la kapon de nia gazeto estas verko de la fame internacia desegnisto kaj multeĝa artisto Manolo Monleón -malnova valencia esperantisto- kiu, per tia kontribuo al nia gazeto, elstarigas ĝin al unuaklasa kategorio.»

Valencia Luno – Unua Epoko - N.º 1 – 1968

# LIBROJ PRI ESPERANTO POR LA VALENCIAJ BIBLIOTEKOJ

«Post la vizito de tri estraranoj de nia Grupo al la Konsilejo pri Edukado kaj Kulturo de la Generalitat Valenciana (Aŭtonoma Valencia Registaro) ĝi mendos por sendi al ĉiuj valenciaj popularaj bibliotekoj (preskaŭ tricent) la necesan kvanton de tri bazaj libroj pri Esperanto:

- "Esperanto al alcance de todos" de Fernando Soler y Valls (lernolibro kaj gramatiko).
- "Poŝ-vortaro Sopena".
- "El Esperanto" de Pierre Danton.

Per tiuj ĉi tri libroj, memlernantoj povos informiĝi kaj memlerni Esperanton.

Ĉ. N. M. S»

Valencia Luno – Dua Epoko - N.º 4 – Januaro 1983

# ĈU VI KONAS LA INTERNACIAN LINGVON ESPERANTO?



# LA ESTONTECO

## INTERNACIA SEMAJNO PRI UNESKO-KURIERO KAJ INTERNACIA FAJRO-SEMAJNO, la mondfama "LAS FALLAS", kun Esperanto!

Unu semajno kun seminario pri UNESKO-Kuriero. Pridiskutado pri temoj el la revuo de Unesko. Unua parto de nova dusemajna Esperanto-evento. Dua parto (16a ĝis 23a de marto) estas la Internacia Fajro-Semajno (Las Fallas).

Internacia Semajno de UNESKO-Kuriero (9a – 16a de marto) KAJ mondfama Internacia Fajro-Semajno de Valencio (17a – 24a de marto), 14 tagoj por ambaŭ eventoj. Venu lerni kaj celebri kun ni. Aliĝo nur 50 eŭroj, pagota surloke. Venante antaŭ la Fajro-Festivalo (Las Fallas de Valencia), kaj forirante post tiu festo, vi ŝparos multe da mono je viaj flugoj kaj via loĝejo.




De la 9a de marto ĝis la 24a de marto en Valencio, Hispanio, ĉe la Esperanto-Centro de la Esperantistoj de Valencio. PIV (strato Peris I Valero, 96, pordo 5).

Dum la UNESKO-semajno, priparolado, komentado, debatado pri la revuo UNESKO-Kuriero en Esperanto. Inter la 18a kaj 20a

ĉiutage dum la semajno. Kurso por bonaj parolantoj de Esperanto, tamen ankaŭ eblas ĉeesti sen aktiva partopreno. Vizitado al almenaŭ tri uneskaj kulturaj heredaĵo de Valencio. Kursgvidanto Dennis Keefe. Kurso-kotizo, 50 eŭroj.



Dum la Fajro-Semajno vizitado al tipaj, hispanaj, valenciaj kafejoj, trinkejoj, restoracioj, muzeoj kaj monumentoj. Ĉiuj vizitotaj muzeoj kaj monumentoj estas senpagaj. Vizitado al dekoj kaj dekoj de la famaj "Fallas".

Ĝuado de la fama surstrata muziko, kaj partopreno en la festoj de la muntado kaj forbruligado de la Fallas. Piroteknikaĵo kaj tradicio. Ĉiĉeronado ĉiutage de valenciaj Esperantistoj. Neforgesebla semajno. Ĉiĉeronoj: Luis, Elias, Carmen, Rosa, Raúl, Ivan, kaj membroj de la Esperanto-Asocio de Valencia.

Loĝado en unu el la tre malmultekostaj AIRBNB lokoj. Privata ĉambro, ĉirkaŭ 12 – 20 eŭroj ĉiutage. Kundividita ĉambro inter 7 kaj 10 eŭro, ĉiutage. Tuta loĝejo kun kuirejo, dormoĉambroj, lavejo, ktp., inter 35 kaj 50 eŭroj ĉiutage. Rezervendaj rekte ĉe la posedanto per [www.airbnb.com](http://www.airbnb.com)

Demandoj, petoj, bonvolu kontakti Dennis Keefe,
keefeinchina@gmail.com de la Grupo-Esperanto de Valencio, Hispanio

# ESPERANTO-PLAĜO EN HISPANIO, JARO 2

1 aprilo - 31 majo 2020

Tre, tre, tre intensa, aktiva kursaro de Esperanto apud la tre bela plaĝo de Cullera (Valencio), Hispanio. Pli ol 250 horoj da lecionoj. Kurso-kotizo 380 eŭrojn, 61 tagoj. Loĝado apud plaĝo. Loĝejo kun kuirejo, dormoĉambro, salono, balkono ĉe maro, 400 eŭrojn monate.

Plej intensa, aktiva, 61-taga, Esperanto-lernado en Hispanio.

LOKO:

Cullera, Hispanio.  Apud Valencio, sur la marbordo.  Cullera estas la ĉefa, tre populara, marborda ferio-loko de la regiono Valencio



DATOJ

De la unua de aprilo ĝis la 31a de majo, 2020.

KIEL ATINGI:

Facile, unue al la Valencia Internacia Flughaveno. Poste, rekte per metroo al la stacidomo Valencia Nord. Poste, en la sama stacidomo, prenu la trajno al Cullera, 36 minutoj. Trajnoj ĉiuj 15, 30 minutoj.

LOĜEJO:

Apudplaĝa en la loĝejaro EL PRADO. Tipa loĝejo: dormoĉambro, salono, balkono, kuirejo, banĉambro kaj vestaĵo-lavejo. Prezo: en 2019, 200 eŭrojn ĉiumonate se du loĝantoj. (400 eŭrojn por privata loĝejo).

MANĜADO:

Vi povas kuiri en via loĝejo. Supermerkato je 8 minutoj piede. Prezoj en Cullera estas multe pli malaltaj ol en Madrido, Barcelono, Parizo, ekzemple. En restoracioj la tagmanĝo en Cullera okazas inter la 13:00 kaj la 16:00.

KURSO-ENHAVO:

Aprilo, tre intensaj kursoj. Kvar horojn matene, de la 9;00 ĝis la 13:00. Kvar horojn posttagmeze, de la 17:00 ĝis la 21:00. Paŭzoj ĉiuhore.

Majo: Kursoj nur 3 horojn ĉiutage, inter la 10;00 kaj la 13:00: Uzado de la lingvo. Literaturo, UNESKO-Kuriero, Filmoj.

KURSO-KOTIZO:

Por la dumonata kurso estas entute ĉirkaŭ 250 kursohoroj, kaj la kursokotizo estas *380 eŭroj por la du monatoj*.  Nur gelernantoj kiuj restos la tutan tempon estos akceptataj.

HISPANA LANDA KONGRESO

Hispana Landa Kongreso kaj Turismado: Ĉiuj kiuj volas povas ĉeesti la HEF Landan Kongreson en norda Hispanio, urbo Camillas, de la 30a de aprilo ĝis la 4a de majo. Tion ni aranĝos surloke en Cullera dum Esperanto-Plaĝo.

POR ALIĜI:

Simple kontaktu Dennis Keefe de la Esperanto-Asocio de Valencia, Hispanio, ĉe keefeinchina@gmail.com Pagu 100 eŭrojn por rezervi. Pago la reston surloke.

# KOTIZOJ POR 2020

Jam estas pretigitaj por enspezo de nia asocio la kvitancoj de la Grupo por la jaro 2020, ekde ĉi jaro, la kotizo plialtigas al 30€ jare.

Tiuj kiuj ankoraŭ ne pagas per Banko, bonvolu veni al la Grupo kiel eble plej baldaŭ por pagi mane la kotizon.

# POEZIO

Verda, ĝin mi volas verda.
Verda vento. Verdaj branĉoj.
La ĉevalo sur la monto
kaj la ŝipo sur la maro.
Kun la ombro ĉe la zono
kaj arĝento-frida gapo,
verda karno, haroj verdaj,
pensas ŝi en la verando.
Verda, ĝin mi volas verda.
Sub cigana lunoklaro
la ĉirkaŭo ŝin observas,
sed ŝi vidas nur la vakon.

Verda, ĝin mi volas verda.
Grandaj steloj el gel-grajnoj
venas kun la fiŝo ombra
en aŭrora avangardo.
La figarboj frotas venton
per la smirgo de la branĉoj,
kaj la monto foineca
sin hirtigas per agavoj.
Kui venos...? Kaj de kie...?
Dume ŝi en la verando,
verda karno, haroj verdaj,
pensas pri amara maro.




Fragmento de Somnambula Romanco
Cigana Romancaro
Federico García Lorca
Tradukita de Fernando de Diego